





**GIJON** JULIO-OKTOBRO

**ASTURA ESPERANTO ASOCIO** n-roj 9-10

Jes.Vi pravas, kara leganto. Nia gazeto denove revenas al unu el la plej malbonaj tradiciaj ecoj de la esperanta gazetaro, nome: prokrastemo!

En Nia n-ro 2 ( Majo 1.978-a ) Ni parolis pri niaj klopodoj por ke "Nia gazeto iĝu almenaŭ dumonata", kion Ni sukcesis elteni, pli malpli, ĝis n-ro 8 ( Majo-Junio 1.979-a ).Sed, tiam, la organizado de la 39-a Hispana Kongreso de Esperanto, okazinta en Nia urbo, troŝarĝis Nin kaj estis al Ni neeble akurate aperigi la koncernan numeron Julio-Aŭgustan.Poste, somerferioj kaj aliaj diversaj personaj aferoj, disigis Nian redakcian stabon kaj la malfruo pli akriĝis.

Nu! Por iomete mildigi Nian malfruon jen Ni prezentas duoblan numeron, kies Niaopinie valora kvalita enhavo, kompensas ĉian malfruon. Ni esperas baldaŭ aperigi la Novembro-Decembran numeron kaj, ekde ĉi tiu reguligi la aperadon de la gazeto.

Ni kalkulas je Via indulgemo, kara leganto, kaj elkore Vin antaŭdankas!

HELECO



# NIA ANTENO



Cátedra "Jovellanos" de Extensión Universitaria
C/ Enrique Cangas, 25
Tfno. 34 43 34 y 34 39 15
GIJON

Me es grato comunicar a Vd. que el Patronato de esta Cátedra, en reunión celebrada el día 27 del próximo pasado mes de Abril, ha acordado acceder a la petición que la "Astura Esperanto Asocio" le había formulado mediante escrito de fecha 17 del mismo citado mes.

En consecuencia, la mencionada "Astura Esperanto Asocio" queda reconocida oficialmente, en virtud del aludido acuerdo, como Asociación acogida a la Cátedra "Jovellanos" de Extensión Universitaria, con todos los derechos y obligaciones que el Reglamento de esta última establece.

Lo cual participo a Vd. para su conocimiento, significándole que, en lo sucesivo, las actividades de toda índole que esa Asociación tenga el propósito de realizar -tanto ordinarias como extraordinarias- habrán de ser sometidas, con antelación suficiente, a la consulta y coordinación de esta Dirección.

Dios guarde a Vd. muchos años.

Gijón, 2 de Mayo de 1979.




Rodrigo Artime Lorenzo
-Director-

SR. D. SANTIAGO MULAS GALLEGO.-

ASTURA ESPERANTO ASOCIO
GIJON

GRAVA NOVAJO !

Estimataj gelegantoj: Kiel vi povas konstati nia grupo nun estas nomata ASTURA ESPERANTO ASOCIO, kaj ĉi tiun nomon vi devas uzi por adresi vin al ni.

La strato, eventuale, estas la sama, do nia kompleta adreso estas: ASTURA ESPERANTO ASOCIO Catedra " Jovellanos " de Extensión Universitaria, Calle Enrique Cangas, nº 25 GIJON.

Dankon !

Ekde la pasinta 27.04.79, nia grupo, t.e., la ASTURA ESPERANTO ASOCIO, apartenas al la Katedro " Jovellanos " de Universitata Disvastigo de la Oviedo - a Universitato en nia urbo.

Ni opinias ke ĉi tiu novaĵo estas gravega por la esperanta movado en Hispanujo, ĉar estas la unua Esperanta Grupo en nia lando, kiu havas universitatan rangon.

PERADO DE REVUOJ

" HEROLDO " de Esperanto.......................................... 950 Ptojn
PACO organo de MEM, kaj ANTON BALAGUE bulteno de Hispana MEM-Sekcio...... 650 Ptojn
INTERNACIISTO ( 10 ekzempleroj )...................................... 300 Ptojn
SCIENCA MONDO.......................................................... 210 Ptojn

Pliajn informojn vi ricevos de:

LUIS SERRANO PEREZ
Font-Nova, 32 SABADELL ( Barcelona )

hispana esperanta VITRALO

## CELO

La celo de ĉi tiu vitralo estas komenti mallonge kelkajn aspektojn de nia lasta Hispana Kongreso de Esperanto, okazinta la pasintan julion en nia urbo. Ĉu mi sukcesos fari tion objetive? Mi, almenaŭ, intencos tion.

## ORGANIZADO

La Organiza Kongresa Komitato, Konsistis el entuziasmaj gemembroj de la Esperanto Grupo "Jovellanos, nuntempe "ASTURA ESPERANTO ASOCIO", apartenanta de la Katedro de Universitata Disvastigo de Oviedo (gesamideanoj Santiago Mulas Prezidanto; Adonis González, Vizprezidanto ; Faustino Castaño, Sekretario; Ildefonso Domínguez, Kasisto; Mª Pilar Alonso, Julio Argüelles, Luis Muñiz, José Ordieres kaj Marina Piquero, voĉdonantoj) sukcesis tute organizante magistre tre interesan programon pro ĝia riĉa kaj varia enhavo.
Kaŭzis tre agrablan impreson rimarki la komitanojn labori entuziasme por povi - oferti al la eblaj gekongresanoj allogan kaj samtempe neforgeseblan Kongreson.
Mian sinceran gratulon.

## GEPARTOPRENANTOJ

Por la 39ª Hispana Kongreso de Esperanto oni aliĝis pli ol 350 geesperantistoj el Argentinio, el Bulgario, el Polio el Portugalio, el Usono, kaj, komprenenble ankaŭ el Hispanio. El ili partoprenis proksimume 300.
Oni ne povas diri ke tiu nombro estas - vera rekordo; sed ĝi estas sufiĉe granda por ke la organizintoj sentas sin - tre kontentaj.

## INAŬGURO DE LA KONGRESO

Je la 11ª horo de la 17ª tago de Julio (mardo) oni inaŭguris la Kongreson per belaj vortoj de la Prezidanto de la Organiza Komitato kaj de la Prezidantino de H.E.F. antaŭ la ĉeesto de multenombraj gesamideanoj kaj de malsamaj aŭtoritatuloj.
Poste, reprezentantoj de Grupoj, Sekcioj kaj eksterlandanoj salutis la gepartoprenantojn. Bedaŭrinde kelkaj geesperantistoj erarís la vojon, ĉar siaj - longaj salutoj kontraŭdiris la neŭtralecon de nia kara Movado, samtempe ke ili estis ege tedaj por ĉiuj, sed precipe - por la ne esperantistoj.

## PRELEGO EN ESPERANTO

La lerta kataluna esperantisto, S-ro Llibert Puig, elparolis belan prelegon pri la "Diskriminacio kontraŭ la minoritataj etnoj" en la tuta mondo, afero pri kiu li parolis tra la ondoj de Radio Gijón. La ĉeestantaro aplaŭdis entuziasme la preleginton kaj gratulis lin tre sincere. Sendube ĉiuj komprenis tre bone la diskriminacion de la minoritataj etnoj en la tuta mondo kaj ankaŭ en nia propra lando.
Ni esperas ke tian sintenon ĉesu.

## KUNVENOJ DE SEKCIOJ

Je la 10ª de la 18ª tago (merkredo) okazis kunvenoj de sekcioj. Sed mi pro tio ke mi ne posedas la altàn kvaliton de la ĉiesteco nur povis ĉeesti tiun de I.L.E.I kiun prezidis S-ro Zaragoza Ruiz prestiĝa profesoro de E.G.B. kaj delegito de I.L.E.I. por Hispanio. Li prezentis la laboron de la pasinta lerneja kurso. Mi kredas ke se en nia lando estus multaj geprofesoroj entuziasmaj pri la Internacia Lingvo kiel li, la progreso de Esperanto en Hispanio estus baldaŭ grava realaĵo.

## EKSKURSOJ

Dum la 19ª (jaŭdo) kaj 20ª (vendredo) tagoj okazis du interesajn ekskursojn : unu al Covadonga kun vizitoj al Cidra Fabriko "El Gaitero", en Villaviciosa kaj al la groto "Tito Bustillo" en Ribadesella, kaj kuncelebrado de la Sankta Meso en la Baziliko; alia al Oviedo por viziti la gotikan Katedralon kaj la Ramirajn Monumentojn de la Monto Naranko. Ambaŭ ekskursoj estis tre agrablaj por la gekongresanoj kiuj sendube kunportos neforgeseblan memoron de niaj monumentoj kaj de niaj belaj naturaj pejzaĝoj.

## PRELEGO EN HISPANA LINGVO

Dum la ekskurso al Oviedo okazis en la Universitato belan literaturan akton kiun prezidis la Rektoro kiu prezentis la Prezidantinon de H.E.F., Doktorino María Rafaela Urueña de Hernández, kiu okupis la podion por eldiri magistran prelegon pri "Esperanto kaj la Internaciaj Organizaĵoj" kiun la multenombra ĉeestantaro aŭskultis respetplene. Ĉiuj aplaŭdis kaj gratulis la kulturitan kaj lertan prelegantinon. Sendube tiu grava oratora peco indas esti eldonita. Ĉu estos eble?

## AKCEPTITAJ DE LA OVETA URBESTRO

En Oviedo la Urbestro ricevis ĝentile al la Organiza Komitato de la Kongreso, kaj al la estraro de H.E.F. Ĉu ĉi tiu vizito havos fruktodonajn konsekvencaĵojn?
Mi esperas ke jes.

## TEATRA PREZENTADO

Je la 5ª vespere de la 21ª tago (sabato) okazis interesa Teatra Prezentado. La polaj geaktoroj Zbigniew Dobrynski kaj Kalina Pieńkiewcz ludis magistre la verkon "HIPNOTO" kiu kaŭzis tre agrablan impreson al la tuta ĉeestantaro kiu aplaŭdis kaj gratulis entuziasme la junajn geaktorojn. Ĉi tiu ludado estas klara atesto ke Esperanto influas eksterordinare en la disvastigo de la malsamaj artaj manifestacioj, kontraŭ opinio ke Esperanto estas utopio kaj ne vera socia realeco.

## KUNLABORADO

Escepte tiuj de la Astura Sparkaso kaj Provinca Deputitaro kiuj alportis respetindan mondonacojn, kaj tiu de la gijona estraro kiu donis la nomon Esperanto al unu el la stratoj de la urbo, kiu akceptis la kongresanaron en la Urbodomo kaj kiu regalis la gekongresanojn per vespermanĝeto kun abunda trinkaĵo de cidro (la tipa trinkaĵo de la astura regiono), dum oni povis rigardadi folklorajn dancojn - kaj aŭskulti belajn regionajn kanzonojn, la kunlaborado de la malsamaj lokaj institucioj oficialaj au privataj apenaŭ ekzistis bedaŭrinde.Kial?

Ankaŭ mankis, kaj ĉi tio estas grava afero, la kunlaborado de la loka gazetaro (escepte la semajna periodaĵo "Hoja del Lunes" - Lunda Folio) kaj radio, kiu apenaŭ fariĝis eĥo de la grava evento de la Kongreso.Pri la manko de unu kaj alia kunlaboradoj estus konvena traserĉi la kaŭzojn por eviti ilin en venontaj okazoj.La mona kunlaborado estas tre grava sed estas pli grava la kunlaborado de ĉiuj la komunikiloj.

PRECIPAJ KONKLUDOJ

La precipaj konkludoj de la Kongreso - estas la jenaj:

1)Peti al la Urbestraro de Oviedo ke ĝi donu la nomon "Esperanto" al iu strato de la urbo.

2)Insisti antaŭ la autoritatuloj de la instruado por ke oni inkludu Esperanton - en la lernejaj programoj.

3)Ke la estraro de H.E.F. klopodu la revivigon de la junulara sekcio de H.E.F.

4)Akcepti la proponon de la Madrida Grupo por ke la venonta Kongreso okazos en Madrido aŭ Avila aŭ Toledo(laŭ miaj freŝdataj informoj, okazos en Madrid).

FINAJ RIMARKOJ

1) La salutoj devus esti farita en limigita tempo por eviti la lacigon al la ĉeestantaro kaj nekonvenajn devojigojn.Imitindaj ekzemploj tiuj de la reprezentantinoj de Bulgario, aŭ Portugalio.

2) La kunvenoj de sekcioj devus okazi en malsamaj tagoj kaj horoj.

3) La precipaj taskoj de la kongresoj devus esti tiuj de fari efikajn projektojn por efika disvastigo de Esperanto

INSTRUISTO

---

okazinta antaŭ ses jaroj, estas ridinda. Estas fakto ke io ne funkcias, ke la ekonomio estas malbone organizita.Televidaj predikoj kaj helpaj krioj de la koncernaj respondeculoj, estas simpla komedio aŭ atesto de ilia nekapableco por regi kaj - organizi la vivon de nia lando.Do, ŝarĝi la tutan kulpon de ĉi tiu inflacio al la benzino, ne estas la ĝusta formo por analizi kaj solvi la problemon.

Sed, kiu kulpas pri ĉi tiu benzina plialtigo? La respondon vi jam aŭdis mil fojojn: la produktantaj landoj.Sed, ĉu tio estas vero? Ne tute.

Ne nur la produktantaj landoj de petrolo kulpigas la multnaciajn entreprenojn kaj monopolojn, sed eĉ multaj gravaj politikistoj respondecaj de la ekonomio kulpigas la menciitajn firmaojn. Estas ŝtatestroj, kiuj preferas silenti ĉar estas iliaj registaroj, kiuj ekspluatadas tiun oraminon.Se la benzino oni - disvendus je ĝia ĝusta prezo, tiu kanzono de la inflacio, pro la jam tre pripa rolita plialtigo de la benzino, havus tute alian muzikon pli dolĉan al niaj oreloj kaj al niaj poŝoj.

( Daŭrigo de la 6-a paĝo )

Neniam oni parolas pri la prezoj, kiujn tiuj arabaj landoj devas pagi por la importitaj armiloj de la okcidentan - landoj kaj ceteraj varoj.Ĉu iu scias kiom kostas tanko aŭ milita aviadilo al tiuj arabaj landoj? Estas evidente, ke neniu parolas sincere.

En ĉi tiu okcidentaj landoj, kie tiom oni parolas pri la ekonomio de merkato, pri la libera merkato, mi ne scias kial ili plendas pro la plialtigo de la benzino, ĉu estas libero aŭ ne estas libero? Ĉu tiu sistemo estas bona por vendi kanonojn sed malbona por aĉeti petrolon?

La nura vero estas, ke la popoloj tiel tiuj arabaj, kiel tiuj de la landoj kiuj importas la petrolon, estas kiuj suferas la fiaskon de la jam kadukiĝinta - ekonomia sistemo.

Sed la inflacio nuna estas pli grava ol la plialtigo de la petrolprezo.Mi klopodos tion klarigi en venonta bulteno.

LUIS SERRANO PEREZ

=== SABADELL ===




# INFLACIO – KRIZO – RIMEDOJ

Mi ne pretendas per ĉi tiu trilogio: inflacio – krizo kaj rimedoj, trovi la solvon al la krizo, kiu suferigas nian landon kaj tiujn landojn de la nomata ekonomio de merkato. Por tiu grava tasko, ni jam havas niajn specialistojn, kiuj laŭ la ĝisnunaj rezultatoj atingis nenian solvon.

Mia intenco estas prezenti aŭ studi ĉi tiun krizon laŭ vidpunkto de simpla homo, de laboristo, kiu iujn fojojn laboras kaj aliajn fojojn estas perforta senlaborulo.

Sed, kio estas inflacio? Por ĝuste koni la signifon de ĉi tiu vorto, mi petis helpon al mia Plena Vortaro. En ĝi oni povas legi: Inflacio. Troa plimultigo de la papermona kvanto de la cirkulado. Mi, por konstati ĉi tiun klarigon, konsultis la hispanan ilustritan vortaron "Salvat" (1.970). En ĉi tiu vortaro, interalie, inflació oni difinas jene: konstanta plialtigo de prezoj. Verŝajne ĉi tiun tezon pri –inflacio– aŭ parton el ĝi oni adoptis post la studoj de la brita ekonomikisto Keynes. Eble la respondeculoj de Plena Vortaro devos rekonsideri la difinon de la vorto inflacio, ĉu ne?

Se temas pri la difino de la Plena Vortaro troa cirkulado de papermono, mi ne scias ĝis kia grado mi povos ĝin konsideri validan, aŭ se efektive ja ekzistas inflacio en nia lando. La realo estas ke mi, kaj ceteraj laboristoj ne posedas nek cirkuligas papermonon. La malmultaj monbiletoj, kiujn mi ricevas kiam mi laboras, je la fino de la semajno, jam estas malaperigitaj. Simpla salajro ne ebligas la amasigon de papermono. Mi ne scias ĉu en la altaj tavoloj de la financoj troviĝas amaso da papermono, kio estas la kaŭzo, ke mi havu nenion kaj kaŭzo de la inflacio, ĉar vere en mia hejmo anstataŭ inflacio estas deflacio. Sed laŭ la konstantaj novaĵoj, ĉiuj plendas pro manko de mono. La entreprenistoj fermas siajn negocojn laŭ ili, pro manko de mono.

Se mi atentas al la nuna situacio, la dua esprimo pri inflacio, tiu de vortaro "Salvat", ĝi alĝustiĝas multe pli al la nunaj cirkonstancoj, sed en mia opinio la difino de la Plena Vortaro estas la ĝusta, tradicia kaj ortodoksa ĉar, kun permeso de la malsamopiniantoj, nun ne estas inflacio sed tre malbona organizado de la ekonomio.

Tamen, en ambaŭ kazoj, estas sufiĉe konate ke ĉi tiuj inflakcioj estas kronika malsano de la fama ekonomio de merkato. Ne aperis, nek aperos kuracisto, kiu povos ĝin sanigi.

La problemo estas tikla, sed por mi, kiel por la tuta laboristaro, ĝi estas tre klara, ni ne havas laboron kaj kiam ni laboras la salajro apenaŭ sufiĉas por la ĉiutagaj hejmaj bezonoj. Aliaj kanzonoj pri la inflacio, sonas malbone al miaj oreloj.

Oni povas multe skribi pri ĉi tiu temo. Ĉiutage estas kunvenoj de la plej altaj instancoj por solvi ĉi tiun problemon sed en ĉi tiu kunlaboraĵo, la nura celo estas klarigi la pensojn de simpla homo al kiu neniam oni konsultas pri la bona disvolviĝo de la ekonomio, sed, kiu ja devas pagi aŭ suferi la konsekvencojn de tiu malbona ekonomia organizado.

Kio estas la kaŭzo de la inflacio? Tio jam estas nenia sekreto. La preza plialtigo de la petrolo aŭ benzino, ĉu ĉi tio estas vero? Ne tute laŭ mia opinio.

Estas evidente, ke kiam oni plialtigas tiel bazan elementon de la nuna vivo, kiel estas la benzino, la tuta ekonomia strukturo skuiĝas. La nura solvo estas alĝustigi la tutan produktadon al la nova prezo de la benzino. Por ekzemplo, sed la benzino estas dek pro cento pli altpreza ol antaŭe, la tutan produktadon oni devas alĝustigi tuj, al la nova prezo. Tio rilate la varoj aŭ industrioj, kiuj dependas rekte de la petrolo, eble por aliaj produktaĵoj, kiuj ne dependas rekte de la benzino, sendube la kostoj ne devus atingi tiun prezon. En tiu realĝustigo ne oni povas forgesi la salajron kiel ofte okazas. Kompreneble, ekde la plivalorigo de la benzino ĝis la restarigo de la novaj prezoj troviĝas tempoperiodo en kiu povus ekzisti, ni diru, konfuzon, en la merkato, sed ĉi tiu tempoperiodo, laŭ mia opinio, neniel devas superi unu jaron, kaj antaŭvidinte novajn plialtigojn de la benzino tiun jaran periodon eĉ oni povas mallongigi. Estas evidente ke ĉi tiu alĝustigo de la prezoj, nur povas okazi en landoj kun seriozaj, kompetentaj kaj honestaj gvidantoj de la ekonomia strukturo. Paroli aŭ kulpigi la nunan inflacio pro la benzina prezaltigo –

( Daŭrigo sur la 5-a paĝo )

(li atendas respondon) vi diris dum esplorado ke vi venis por savi judanojn, por transigi ilin al la alia flanko de la landlimo, al Jugoslavio, Rumanio, kaj de tie al Palestino. Ĉu ne?

Ĥanna: Jes.

Roja: Afero de judanoj, kiel vi scias, estas en la manoj de la germanoj, nome de la Gestapo. Laŭ la leĝo mi devas transdoni vin al ili. Mi ne faris ĉi tion ĝis nun.... eble pro mia sentimento al vi de....

Ĥanna:(mokanta): simpatio....

Roja: Aŭ estimo antaŭ via kuraĝo, se vi preferas. Sed mi ne povas plu. Ĉu vi aŭdis la nomon de Ejĥman?

Ĥanna: Mi aŭdis ĝin.

Roja: Li postulas ke ni transdonu vin al li, aŭ - novaĵojn kiujn vi komunikos al ni kaj mi diros al li. Mi promesis al li la novaĵojn kiujn li petis. (atendas respondon) Estas klare por vi ke de la manoj de la germanoj vi povas atendi nur unu aĵon.... (atendas) Ni forlasos la aferon de la kodo de transmisio. Ni pasos al aliaj aferoj. La armeo partizana jugoslavia. (li atendas respondon) aŭ la armeo brita en Kairo. (atendas) Aŭ aviadarmeo. (li atendas.Kriegas) Mi estas devigata transdoni al ili sciigojn - ĉu vi komprenas? (tre kolere) Pro vi mi faras ĉi-tion, pro vi! (atendas) Neniun kompaton vi povas atendi de la manoj de la germanoj. Diru ion! Unu vorton! (atendas) Tia stulta knabino - ĉu vi deziras fronti vin mem kontraŭ la Gestapo? Diru ion! Ion! Kiu estas la viro kiun kontaktis vi ĉi tie? Kiu estas li? Kiu estas li? Kiu estas li?

La lumo estingiĝas. Kiam lumas denove - oni vidas la ĉelon de la patrino, kaj en ĝi tri litojn kaj malalten tablon. Sur unu lito sidas la patrino. Fronte al ŝi estas Pruma, virino preskaŭ kvardekjaraĝa.

Pruma: El miaj manoj ili forprenis ŝin de mi.... Dum la nokto ili prenis mian edzon, kune kun ĉiuj la viroj de la strato.... Mi kriis, ploris, sed la infanino silentis. Nur ŝiaj okuloj estis malfermitaj. Grandaj kiel la tuta ĉielo. Ŝi demandis senĉese - kial vi ploras, panjo, kial vi ploras?... kvarjaraĝa ŝi estis.... Mi pensis dum tiuj momentoj ke ŝi sajnis la patrino kaj mi la infanino.... Kaj dum la mateno ili forprenis la virinojn. Estis neĝo. Cent virinoj estis en la strato. Ni piediris, eble kvar kilometrojn, al la ekstera ĵo de la urbo. Kaj dum la tuta tempo falis neĝo. Fine ni alvenis ĉe la fervoj-stacio. Ili ordonis al ni supreniri. Ĵus kiam mi komencis supreniri, venis germano kun fusilo en la mano kaj kriis - la infaninon vi lasu ĉi-tie! Geinfanojn ne kunportas ni al la kampadejoj de laboro! Mi ne donos ŝin! - kriis mi. Ne donos! Ili provis preni ŝin de mi perforte kaj mi luktis kun ili kiel frenezulino. Subite mi sentis frapon paftrafitan sur mia kapo, kaj mi falis. Ili kalkulis, verŝajne, ke mi mortis, kaj ili lasis min kuŝanta tie. Kiam mi malfermis la okulojn estis nur neĝo ĉirkaŭe. Ŝi estis kvarjarulino. Kaj kiaj okuloj....

La patrino: Sed estas ne-eble ke ili mortigus ŝin!

Pruma: Kion vi diras? Ĉiujn, ĉiujn ili mortigis. Per miaj propraj okuloj mi vidis kiel ili pafis al infano kiu kuris tra la strato post ilia alveno. Ĉu vi vere ne scias?

La patrino: Kaj vi - Kiel alvenis ĉi-tien?

Pruma: Mi leviĝis kaj komencis marŝi. Unu pola kamparano trovis min kaj portis min al la alia flanko de la landlimo. En Hungario la gejudanoj ankoraŭ vivadas, diris li. La tutan monon kiun mi havis mi donis al li. Mi alvenis ĝis Tokaj kaj mi serĉis judanojn. Kaj tie oni kaptis min kaj kunportis min

ĉi-tien. Jam mi ne sentas ion. Nur ŝiajn okulojn mi vidas ĉiutage.... tamen ni renkontiĝos denove. Ĉiujn ili kumportis al la sama loko. Ĉiuj ni ankoraŭ renkontiĝos....

Sur la plafono oni vidas lumajn signalojn.

La patrino (leviĝas. Kun rideto de feliĉo): Tiu-ĉi mia filino. Ŝi akiris malgrandan spegulon, kaj tiel faras al mi signalojn.... (Ŝi supreniras la liton cele de atingi la fenestron)

Pruma: Ĉu via filino estas tie?

La patrino: Jes, en la fronta ĉelo, de la kontrŭa flanko de la korto. (Ŝi svingas la manon tra la fenestro, estas rideto de feliĉo en ŝia vizaĝo. Al Pruma) Ĉu vi deziras vidi ŝin? Venu ĉi-supren.

Pruma:( Ŝi supreniras la liton kaj staras apud la patrino): Kiel ĝi....

La patrino: Ili kaptis ŝin. Ŝi venis el Izrael-lando. (Ŝi desegnas sur la vitro de la fenestro).

Pruma: Ĉu vi diris el la Lando Israelo?

La patrino: Jes.... Jen ŝi svingas al vi. Ili torturis ŝin. (Pruma svingas ŝian manon) Jen ŝi skribas al vi sur la vitro.

Pruma: So - a - lo - u - to - o - no. Saluton! (kun granda kortuŝiĝo) el la Israela Lando....

La patrino: Jen, ŝi skribas ion.... La rusoj - estas - apud - Viala - Milito - finos - baldaŭ.... Ŝi malsupreniris. Verŝajne ŝi aŭdis paŝojn.

Pruma: El la Izraela-Tero, kiel ĝi....

La patrino: Ŝi venis por savi, kaj ili kaptis ŝin.

Pruma: Ĉu por savi vin?

La patrino: Ne. Por savi la gejudanojn. Jen. Ŝi denove supreniris. (Ŝi legas) kampo - floro - arbo.... (al Pruma) Ŝi instruas min pri la hebrea lingvo. Mi konas jam kvindek vortojn. (Ŝi legas) Mi - iras - al - la - kampo -

El ekstere ili aŭdas voĉon de Hilda: "Buben!"
La patrino kaj Pruma saltas el la lito.

Hilda (Malfermas la pordon kaj eniras. Al la patrino, trankvile): Vi devas zorgi. (donas al ŝi pakaĵon) Oni sendis ĝin al vi el la urbo.

La patrino: Mi dankas vin.

Hilda:(flustre): Se vi deziras ion , frapu dufoje sur la pordon

Ŝi eliras.

Pruma: Ĉu estas permesite ricevi pakaĵojn?

La patrino: Ne. Sed ĉiuj provosoj havas tian estimon al mia filino Ĥanna, ke ili donas ilin al mi. Mia najbarino, hungara, sendas ilin al mi. Estas virino mirinda. Ha, ha, hodiaŭ estas la naskiĝtago de Ĥanna. Sendube ŝi ne ĝin memoras. La tutan tagon mi pensis kiel gratulos ŝin. Kaj jen, nun mi havas. Mi sendos al ŝi tiun-ĉi marmeladon. Marmelado el oraj pomoj....

Pruma: El la Tero-Israel.... kiel ŝi venis el Izrael-Lando....

La patrino: Vi ne demandu al mi. Mi scias nenion.

Pruma: Ĉu vi ne renkontiĝis kun ŝi?

La patrino: Kelkfoje. En la korto. Sed nur dum momentoj. Estas gardistoj apud ni, kaj estas ne-eble diri vorton. Al ĉiuj ni estas permesite promeni en la korto duope, nur al ŝi ne. Ili permesas al ŝi promeni nur kun la geinfanoj. Ŝi rakontas al ili pri la Lando-Israel.... Ŝi havas dudektri jarojn... Mi ne kalkulis ke mi festos tiel ŝian naskiĝtagon.... (Ŝi faras floron el papero sur la pakaĵo) en la prizono.... (Ŝi falas sur la lito kaj kovras ŝian vizaĝon per ŝia mano)

Pruma: Permesu al mi.... permesu ankaŭ al mi sendi al ŝi ion.... (ŝi eligas koltuketon el la poŝo) Ĉion kion mi havas (ŝi metas la koltukon en la pakaĵon, kiun preparas la patrino). El la Lando-Israel.... Ĉu ŝi estas pionirino?

La patrino: Jes. De unu kibuco . Kibuco de fiŝistoj. Ŝedot-jam.

Pruma: En nia urbo estis ankaŭ pioniroj. Ĝis kiam alvenis la germanoj....

La patrino: Unu nokto mi kuŝis ĉi-tie, sur tiu-ĉi lito, kaj mi ne povis dormi. Kaj subite - diris al mi mia koro ke ankaŭ ŝi ne estis dormanta. Mi supreniris ĝis la fenestro. Estis nokto klara kaj serena. Mi rigardis al ŝia ĉelo, kaj mi vidis ŝin staranta tie, apud la fenestro kvazaŭ reviĝita. Estis bela en tiu horo kiel anĝelo, kiel iu kiu ne apartenus al tiu-ĉi mondo....

Oni aŭdas voĉojn de paŝantaj. Oni malfermas la pordon. Eniras Hilda kaj enkondukas Klari Benedek-n.

La patrino (ŝi leviĝas kaj donas la pakaĵon al Hilda): Bonvolu transdoni ĉi tion al Annjo. Hodiaŭ estas ŝia naskiĝtago. Estas donacaĵo de ŝia panjo. Tutkore mi dankas al vi.

Hilda eliras.

La patrino (al Klari. ŝi montras al Pruma): Estas nova najbarino. El Pollando.

Klari: Klari Benedek. Kiel vi alvenis al Hungario? Ĉu vi trapasis la landlimo ŝtele?

Pruma: Jes.

Klari: Vi ne restos ĉi-tie longan tempon. Mi aŭdis ke post unu tago oni eligos la gepolanojn el tie-ĉi. Kiu scias kien oni alportos ilin?

Pruma: Mi scias kien - al Osvenĵoj.

Klari: Kampadejo de laboro estas pli bona ol karcero....

Pruma: Kion? Vere ĉiuj vi ne scias? Al kremaciejo oni enkondukas ĉiujn, al kremaciejo. Ĉiujn! Ne eĉ unu revenas el tie!

Klari: Tamen la germanoj estas timigitaj nun. La rusoj estas jam en Kiŝinev kaj la anglanoj en Holando. Kaj tie-ĉi oni diras ke Horti jam provis paroli kun la alianculoj. Tion mi aŭdis en Monto Hasvaboj.

La patrino: Ĉu denove oni esploris vin?

Klari: Dum kvin horoj. Kaj denove ili ne donis manĝaĵon ekde la mateno.

La patrino (donas al ŝi sandviĉon el ŝia pakaĵo): prenu ĝin, mi ricevis pakaĵon hodiaŭ. Estis ankaŭ marmelado, kaj mi ĝin sendis al mia filino.

Klari (ŝi duonigas la sandviĉon, kaj donas unu parton al Pruma): Prenu ankaŭ vi, eble vi malŝatas.

Pruma: Dankon. Mi ne malsatas.

Klari: Nu (manĝas el la sandviĉo) kaj ankaŭ via filino tiel estis tie, laŭ mi aŭdis. Ĉiutage esploradas ŝin en la Gestapo.

La patrino: Kaj ĉu ree torturis ŝin....

Klari: Ne! eĉ tiuj-ĉi bestuloj havas respekton al ŝi! la malliberulinoj rakontas ke eĉ la oficiro Sajfert, same kiel besto estas tiu ĉi, respektas ŝin. Oni diras ke ŝi instruas lin pri Cionismo, kaj li kvazaŭ atentas....

La patrino: Tio ĉi estas nur vojo por ke ŝi iru konfesi....

Klari: Ne! ŝi rivelis nenion, kaj ili scias ke ne rivelos! Mi aŭdis ke unu oficiro SS diris ke ŝi estas la pli heroa junvirino kiun li vidis, kaj ke se ŝi ne estus judino - oni donus al ŝi medalon el oro! (al Pruma) kaj ŝi ne timas fari agojn, kiujn neniu malliberulo el la mondo kuraĝas fari! Ĉiutage ŝi komunikas al la malliberuloj sciigojn pri la milito tra ŝia fenestro. El kie ŝi haviĝas al si tiujn-ĉi novaĵojn - Dio scias ĝin!

Pruma: Jes, judino de la Israela-Lando estas afero tute malsama.... tute malsama....

# " M A R T E N I C A "



"MARTENICA" estas speciala insigno (mart-insigno) konsistanta el kuntorditaj du silkfadenoj (blanka kaj ruĝa) ĉe kies du finoj pendas kvastetoj ankaŭ el blankaj kaj ruĝaj silkfadenoj. Ĝi estas simbolo de Paco, Amikeco, Sano kaj Feliĉo. Ĉiujare, je la unua de Marto, la bulgaroj ligas ĝin al sia maldekstra manradiko, aŭ kroĉas ĝin sur la bruston, kaj nur vidante la unuan hirundon demetas ĝin. Tiu kutimo ekzistas nur en Bulgario. Pri ĝia deveno estas interesa antikva legendo:

Antaŭ 13 jarcentoj, en la jaro 681, la bulgaroj, gvidataj de sia ĥano Asparuh, trapasis Danubon kaj fondis la bulgaran ŝtaton sur la Balkana duoninsulo. Okaze de tiu grava evento, la idolanaj pastroj faris oferdonon - al la prabulgaraj dioj; ĝusta je la kulmino de la oferdona ceremonio rapide fluganta hirundo surflugis la ŝultron de la ĥano. Al ĝia piedeto estis ligita fenkoltrunketo, kiu, laŭ prabulgara kredo, estis simbolo de paco, amikeco kaj portis sanon kaj feliĉon. Ĝin estis sendinta la fratino de la ĥano, kiu tre ĉagrenis al sia amata frato. La blanka silkfadeno, per kiu - la fenkoltrunketo estis ligita al la piedeto de la hirundo, aspektis dukolora -blanka kaj ruĝa- , ĉar kiam la fratino ĝin tranĉis, pikvundis sian fingron kaj sangmakulis la fadenon. La idolaj pastroj diris, ke tio estas signo de dia favoro. Ili ĵetis la fenkoltrunketon en la oferfajron kaj solene ligis la blanka-ruĝan silkfadenon al la maldekstra manradiko de ĥano Asparuh. Vidinte tion, la ĉeestantaj bulgaroj kaj sklavoj sekvis tiun ekzemplon, kaj ligis al siaj maldekstraj manradikoj blanka-ruĝajn fadenojn. Tio estas en la unua tago de marto.

Tiel naskiĝis la kutimo. De tiam, la bulgaroj, ĉiujare je la unua de marto, ligas al sia maldekstra manradiko, aŭ kroĉas sur la bruston, mart--insignon "martenica". Ili donacas tian insignon ankaŭ al siaj parencoj kaj amikoj. Per tio ili gratulas al ili la alproksimiĝantan printempon kaj esprimas sian amikecon kaj siajn bondezirojn por Paco, Sano, Bonfarto kaj Feliĉo.

(Kontribuaĵo sendita de: Elena Kovaĉeva, Gabrovo, Bulgario.-)







# INTERNACIA JARO DE LA INFANO 1979

| | |
|---|---|
| SE infano vivas kritikata | LI lernas kondamni |
| SE infano vivas ĝenata | LI lernas kvereli |
| SE infano vivas hontigita | LI lernas sin senti kulpa |
| SE infano vivas tolere | LI lernas estis tolerema |
| SE infano vivas stimule | LI lernas konfidi |
| SE infano vivas estimata | LI lernas estimi |
| SE infano vivas justice | LI lernas esti justa |
| SE infano vivas sekurece | LI lernas havi fidon |
| SE infano vivas aprobe | LI lernas sin ami |
| SE infano vivas akcetate kaj amike | LI lernas trovi amon en lamondo |

# DISTROJ

## Supo de literoj

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| T | A | N | K | V | I | L | T |
| R | E | K | U | L | E | R | O |
| O | S | E | N | T | A | S | O |
| S | M | O | V | N | E | I | R |
| A | R | S | Ĉ | A | D | L | E |
| L | T | I | E | B | I | U | L |
| G | L | A | Z | O | F | N | E |
| O | K | R | O | F | A | R | T |

Tiu ĉi kvadrato plena da literoj enhavas ses nomojn de manĝilarojn. Serĉu ilin!
Pro tio vi povas legi horizontale, vertikale kaj eĉ diagonale – en ambaŭ direktoj sed ne transsaltu literojn.

## SOLVOJ AL LA ANTAŬAJ ENIGMOJ

MOVOJ DE KAVALIROJ :

- Gardu min Dio kontraŭ amikoj, kontraŭ malamikoj mi gardos min mem.
- Eĉ plej nigra bovino donas lakton nur blankan.

Kiom da egalaj kvinpintaj steletoj estas videblaj sur la desegnaĵo?



## Movoj de kavaliro

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| **EN** 1 | DAS | KU | NIA | DAS |
| LO | NI | LIG | VI | O |
| NE | FREM | BON | VI | EN |
| TRA | NI | RON, | DA | NE |

Komencante per la silabo EN (nigreta), kaj laŭ la kavalira movo en la ŝakludo, trovu konatan proverbon.

## abelejo




Helpe de la sekvantaj difinoj, trovu sep vortojn el ses literoj, tiamaniere ke ĉiu vorto komenciĝu pro la cirklo en kiu estas la sago kaj sekvonta movado de montriloj je horloĝo.

1) La silkeca lanugo, kiu kovras la semon de kotonujo, kaj el kiu teksas diversajn ŝtofojn.
2) Longa uniforma robo, portata de juĝistoj, advokatoj, profesoroj, ks dum la plenumado de ilia funkcio.
3) Filino de filo aŭ filino.
4) Plej alta vira voĉo
5) La sankta libro de la Islamanoj, laŭtradicie diktita de la Ĉefanĝelo Gabrielo al Mahometo.
6) Agadi ŝerce sendiscipline, senkonsidere kontraŭ la regulo j de bonkonduto.
7) Promena plezura boato.